# PENSEO

N-ro 292

feb. / 2016

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 27-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### matura vivo

en barako inter montoj,
geedzoj produktas bovojn kaj ĉevalojn.
la vojo al aliaj steloj ne necesas.
per la reto mi tagnokte kaptas malrealojn.

2013.02. 1

### bovoj forlasitaj

taoisto iĝis feo sen reveni,
lasante la ĥaton kaj bovaron negardataj en
montaro.
mi vojperdinta trafis la lokon forgesitan.
la bestoj min regalis kiel mastron per nektaro.



2013.01.27

### riĉa movado

de loko al loko veturas la vento
por praktiki la vorton 'saluton'.
nek komercante nek kultivante,
fluge ni fruktigas revon kiel ludon.

2013.01.19

### venĝo de arbo

ĉe kampo arbo sidis mil jarojn.
tritikon ombrumis la krono.
al ĝi la kolera mastro metis fajron.
sen la arbo, kreskas el la kampo nun nur ŝtono.



2013.01.12

## Mori (Usono)



### AFORISM-e(11)

Amiko estas tiu,
Kies koro
ekdoloras pro
via kapdoloro!

***

Ĉiu homo estus
ja bona persono
se ne estus pro amo
je mono,... aŭ posteno!

***

Diktatoro ne falas
el ĉielo
li estas ano de sia
popolo
Li ekaperas tie,
kie oni estas zorgema

nur pri sia volo.

***

Homo ĵaluza
je la homo riĉa,
estas homo,
duoble malfeliĉa.

***

Se vi vidas min
bonulo,
vi rigardas en
spegulo.

***

Kiu fidas je siaj oreloj,
vivas la vivon
laŭ alies volo.

***

Pli danĝera ol
animalo
estas ĵaluza
rivalo.

***

Homo estas
lupo al homo,
kvankam homo
estas lia nomo.

***

En la ŝtona koro
ne kreskas amikeca floro.

***

Tiu ricevas amon,
kiu amon disdonas,
ne tiu kiu amon
bezonas.

***

Se ne estus idiotoj
zorgemaj nur
pri siaj profitoj
nenie okazus militoj.

***

Birdon kiu havas
iom da kuraĝo,
ne eblas longe teni
en la kaĝo.

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Heredaĵo

*"Vi estas la lumo de la mondo." (Mateo 5:14)*

Ju pli homaj,
des pli diaj ni estas:
per heredaĵo...
La dieco de homo
fariĝas
el la humaneco de Dio.

Juiz de Fora, 13/12/2015.

### Renkontiĝo

Antaŭ ol la nokto falos
sur miajn ostojn, Sinjoro,
lasu min planti
semojn el suno
sur la haŭto de l' tempo
dormanta en malluma
ĝangalo el timo.

Nun fariĝas post
la vojmezo de la vivo...
L' okuloj de l' animo
ripozi bezonas
sur la senmakula
lito de l' koro.

Juiz de Fora, 23/01/2016.

## Cezar (Germanujo)



### Transgliton glatan en la jaron novan!

Transgliton glatan
al la nova jar'!
Sanon, feliĉon
ĉiam dum la far',

deziras Cez vin

tute sen avar'.
Krome prosperon,
amon sen amar'!

Se homoj ŝatos
vin kaj vian faron,
jen ĉio bone statos,
ĝuos vi la jaron!



## Alia mondo eblas

Printempe ĝi palpeblas,
alia mondo eblas.
Florado estas kri'.
Sub arbo oni festas.
Printemp' ribelo estas,
naturrevoluci'.
Burĝonoj fine krevas,
el grizo sin eklevas,
jen kreskas la esper'.
Je floroj jam palpeblas,
ke mond' alia eblas
sur nia tuta Ter'.

Printempkantistoj trilas,
muziko ekbabilas,
rondiras kun la vent'.
Dum la printemp' palpeblas:
alia mondo eblas,
tutnova mond' laŭ sent'.

## Paŭlo Silas (Brazilo)



### NOVA NE SUB LA SUNO SED SUB LA LUMO

Rosoguto forlavis la larmosalon,
Kiu restis post larm-elverŝo historia.
Oceano pogute fariĝis valo
Kaj ekregis nebulprem' plej agonia.

Tamburbato tribeca, en urbo, tondris.
Modernulaj pripensoj kreskis enarbare.
Viv' alvokis kaj, sur Ter', neniu
respondis.
Egaligis grundtavol' universale.

Ve! Vantiĝas period' geologia.
Ĉio estas nur trapas' senreakcia.
Dupieda, la estulo hodiaŭa.

Ĉu ĝin kreis ĉiopotenca Di' aŭ la
Evolu' natura, daŭra transformiĝo?
Miliarda aĝ', samgrada malfeliĉo.

## Siv Burell (Svedujo)



### Enigma amikeco

Japana verkistin', Yoko Agawa
skribis libron tre rava
pri stranga amikeco inter ino kaj doktoro
kun malbona memoro.

Aitakcidento kaŭzis al doktor'
limon de memor'.
Post 80 minutoj, memoro estas for
nur nombroj restis en la kor'.



*pentraĵo de la aŭtorino*

Memorilojn la ino fiksis
sur doktora vest'
bildojn kun la tekstoj miksis
sur ĉiu paperpec'.

Dekjara fil’ de helpantin’
estis al doktor’ tre kara

√ Radiko li do nomis lin,

amikeco kreskis, ĉu vere rava?
...do—legu la libron ankaŭ vi!
Spertu la mondon kune kun ni!

# Via stulteco

*(kantteksto)*

Ho am' , ho-ho-ho-ho , ho am'
Mi nur petas ke vi kredu min
Ĉar neniam povos esti fin' al ama kor'
Preteraŭskultu ies miskomenton, atenton
Pro via stultec' vi ne vidas ke mi vin amas

Ho am', ho-ho-ho-ho, ho am'
Saĝu eĉ se por nura moment'
Restu en solec' uloj sen sent' , restu sen am'
Vi zorgu, ke vi ne samiĝu sola
Atentu vi
Pro via stultec' vi ne vidas ke mi vin amas

Kiomfoje estis mia vol'
Diri ke ne decas plu frivol'
Tuj decidu por pli justa form' de via rol'
Jes, kalkulu ĝis la tri
Ne timu se necesos pli
Pensu, repensu
Mi ripetas al vi
Mi vin amas

Ho am', ho-ho-ho-ho, ho am'
Kiel eblas tia sensentem'
Kial iĝi blinda ĝis ekstrem' , ho ve, ho ve
La am' de mi al vi estas pli granda ol ĉio
Sed pro via stultec' vi ne vidas ke
Mi vin amas

*Esperantigis*



**Ŭel Roŝa (Brazilo)**

## Włodzimierz Scisłowski

# EN LABOREJO

En laborejo socialisma
Jam forpasinta, la altruisma,
La faciligoj estis diversaj.
Kompare nunajn tute inversaj.
En laborejo la Sindikatoj
Biletojn ankaŭ kun la rabatoj
Aŭ tute simple – ankaŭ senpage
Donantaj estis eĉ ĉiutage.
El laborejo multo devenis,
Ĝuste vi tion eĉ ne divenis.
De Sindikatoj laŭ ĉies revo
Zorgo pri homo estis la devo.
El laborejo la trajnbiletoj,
Kristnaskaj karpoj kaj abietoj.
El laborejo ankaŭ leporoj,
Terpomoj, fruktoj, ovoj kaj floroj.
Bilet’ senpaga por la: koncerto,
Kino teatro, ali-oferto;
Kiel flosado per la kajako
Sur „Czarna Hańcza” – rivera trako.
Vi unufoje dum ĉiu jaro
Povis ricevi por infanaro,
Tiel nomitan la kolonion,
Kiu ja kostis preskaŭ nenion.
Okan de marto, dum virinfesto
Laboristinojn kun ĝentilgesto
Ĉefoj regalis per diversaĵoj:
Per bombonujoj kaj eĉ vestaĵoj.
Per fuŝkvalitaj ŝtrumppantalonoj,
Aŭ per nomataj la vartalonoj,
Sed antaŭ ĉio per printempfloroj
Laŭ la regantaj tiamaj moroj.

*Esperantigis*



**Edward Jaśkiewicz (Pollando)**

## Zhuangzi (369-286 a.K)



# Zhuangzi

## ĈAPITRO KVINA

# Signoj de kompleta honesteco

§05-02

Shentu Jia estis amputita je piedo. Li kaj Zichan el la regno Zheng iris al Bohun Wuren, por kune studi sub tiu.

"Se mi eliros unue," diris Zichan al Shentu Jia, "vi do restu ĉi tie momenton; se vi eliros unue, mi do restos ĉi tie momenton."

En la sekva tago ili kune sidis en la klasĉambro sur la sama mato.

"Se mi eliros unue," diris Zichan al Shentu Jia, "vi do restu ĉi tie momenton; se vi eliros, mi do restos ĉi tie momenton. Nun ke mi intencas eliri, ĉu vi restos ĉi tie momenton? Cetere, mi volus aldoni, ke vi, havante ĉefministron antaŭ vi, eĉ ne volas fari al mi la vojon. Ĉu vi pensas, ke vi estas mia egalulo?"

"En la lernejo de nia majstro," respondis Shentu Jia, "ĉu povus ekzisti tia ministro, kia vi estas? Ĉu vi vere fieras pri via ĉefministreco kaj malestimas vian kunlernanton? Mi aŭdis popoldiron, ke sur brila spegulo sin trovas nenia polvo, dum polva spegulo ne estas plu brila. Se vi longe restas kun saĝulo, vi estos libera de kulpoj. Nun vi studas sub nia majstro, sed vi tamen parolas tiele! Ĉu vi ne pensas, ke tio estas kulpo?"

"En via situacio," diris Zichan, "ĉu vi tamen pensas, ke vi povas rivali kun la reĝo Yao? Ĉu tia taksado de via virto ne kondukas vin al introspekto?"

"Multaj estas tiuj," diris Shentu Jia, "kiuj penas kovri siajn kulpojn kaj eviti punojn. Malmultaj estas tiuj, kiuj ne penas kovri siajn kulpojn kaj estas pretaj akcepti punojn. Nur la saĝuloj de plena honesteco povas rezignacii al la neevitebleco kaj akcepti ĝin kiel sian sorton. Se homoj promenus interne de la atingopovo de la arkpafisto Hou Yi, ili devus esti trafitaj de la sago en la mezo de la tereno. Se iu ne estus trafita, tio certe estus favoro de la destino. Multaj estas tiuj, kiuj kun du piedoj mokas min pro tio, ke mi estas kriplulo. Mi kutime eksplodis de kolero ĉe ilia mokado. Sed, de kiam mi venis studi sub nia majstro, mi ĉiam rezignacias kaj restas kvieta. Mi ne scias, ĉu mia menso jam estas purigita de la perfekteco de nia majstro. Mi studas sub li jam dek naŭ jarojn, sed li neniam konscias, ke mi estas kriplulo. Nun vi kaj mi kune studas ĉi tie por perfektigi nian animon kaj vi tamen direktas vian atenton al mia korpo. Ĉu tio ne estas ia kulpo?"

Ĉe tiuj vortoj Zichan tuj ŝanĝis sian mienon kaj diris kun konfuzo: "Bonvole ne plu parolu pri tio, sinjoro."

*Elĉinigis*



**Wang Chongfang**

**(Ĉinujo)**

# Ĉineske

**Jadranka Miric (Serbujo)**



# Dankpoemo

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Neniam
mi vojaĝis al
tute nekonata land',
nek pro granda Karneval' ,
nek pro akvofal'.

Aperis
ret' kaj forviŝis ĉi
timegon. Degelis ĝi
tute en mi. Dank'al vi,
jen, ĉinesko ĉi.

Amikec'
kreskis senlime.
Konfidec' grandiĝis. Ni
korespondis sentime
kaj plenestime.

Ekame,
laŭ via propon'
verkis mi ĉineskaĵojn.
Verso laŭ mia kon'
belas pro belson'.

Ĉineskaĵ'
laŭ Sopiro al
Sudo, tre allogis min.
PDF-on faros vi
kaj mi versojn ĉi.

*Ĉi tiun poemon mi dediĉis al mia ĉina amiko sinjoro Vejdo kiu subtenis min verki la ĉineskaĵojn*

## Sorto

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Galant'
honta, aperis
super la blanka neĝo.
Ekis vento fajfonta
al bird' falonta .

Degelis
neĝo. Dum vento
blovis forte laŭ la val'.
Ek aperis torento
en fi-momento.

Ies man'
plukis floreton.
Metis ĝin en libreton
por plenumigi peton,
retigi eton.

Herbari'
plibeliĝis, tre.
Nia galant' kuŝis
morta sur paper'. Plue
vivi, gravas, ve.

La birdet'
reaperis ie,
sekiĝis kaj forflugis.
Eĥas arbaro tie
pepmelodie.

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Boris Iŝkov

## Pusjka

Artisto iris laŭ strato. Li iris kaj elpensis bildojn. Liaj manoj estis en poŝoj de ĵaketo, en kiuj estis kreto kaj nigra krajono. La alta, maldika, vila homo konstante pensis pri tio, kion li pentros en sia bildo. Li elpensis subjekton, pense kreis ĝin sur tolo, poste aldonis al ĝi ankoraŭ ion, kion li tre volis pentri, poste li volis aldoni ion kaj ion. Li jam forgesis, kion li volis pentri komence, li fantaziis kaj enpensis ion novan. Inter homoj, kiuj iris antaŭe, li ekvidis katidon, jam la grandan grizan katidon. Ĝi ankaŭ elpensis ion dum paso irante apud muroj de domoj por ke ne trafi sub piedojn de pasantoj. La lanuga kreaĵo do malalte klinis kapon al tero kaŝirante, do alte levis voston kiel tubon, fleksis dorson hirtigante hararon kaj lipharojn, do komencis kun alte levita kapo fiere pasi kiel tigro en cirko. La artisto tiel absorbiĝis pri la katido, ke ne

rimarkis kiel en unua fojo, en dua fojo, en tria fojo devojiĝis al aliaj stratoj postsekvante la pasantan fantaziulon. Sed la katido subite forkuris en ian korton kaj malaperis. La vila homo haltis, rigardis ĉielon, kie flosis nubo, kiu nemulte similis la amuzan katidon, kaj ridetis. Kaj kiam li ĉesis rideti kaj iris plu, de sur ĉielo subite falis pluva guto. Ĝi tiklis vin, li ree ridetis al nubo kaj rapide iris laŭ trotuaro pensante, ke tuj pluvos.

Pasis kelkaj tagoj. Foje en frua mateno, kiam sur stratoj preskaŭ ne estis homoj, la artisto ree renkontiĝis kun konata katido. Pusjka (li tiel nomis ĝin) sidis sur gazeto, kiun iu faligis, kaj aŭskultis, kiel susuras pro vento ĝia rando. Aŭto preterveturis, kiu priverŝis stratojn, por ke ne estis polvo, kaj surverŝis per akvo la katidon kaj piedojn de la artisto. Pusjka saltis pro surprizo, perdis kapon, ĵetis sin al malsekaj piedoj de la homo kaj impete kuris preter domoj. La artisto nemulte afliktiĝis pro la malseka katido kaj pro tio, ke liaj pantalono kaj ŝuoj iĝis malsekaj, insultis sin pro senatenteco kaj iris plu. Hodiaŭ li iris al bazaro por ke aĉeti nemulte da legomojn kaj pomojn. Li tre ŝatis pomojn, aparte ŝatis rigardi ilin, kia ili estas belaj.

Revenante li ree renkontiĝis kun la griza katido en strateto, kie lin kaj ĝin afliktis aŭto por priverŝo de stratoj. La katido estis seka, lanuga kaj tre bela en radioj de matena suno. Ĝi iris laŭ trotuaro verŝajne memorante matenan banon kun videbla singardo konstante rigardante vojon kaj flankeniĝante de veturintaj aŭtoj.

− Pusjka. – la artisto vokis ĝin.

Ĝi turniĝis, atente rigardis liajn okulojn, fleksis dorson kaj forkuris.

En bazaro la artisto aĉetis mirindajn flavajn pomojn, ruĝajn tomatojn, kelkajn cepojn kaj terpomojn. Sako iĝis peza, dum vojo al hejmo li sidis sur benkon en skvaro por ke ripozi. Tiu mateno estis suna, varma. Banitaj per priverŝanta aŭto stratoj kaj trotuaroj estis puraj kaj brilis per flaketoj. En skvaro estis altaj poploj kaj negrandaj arboj de siringo, kiuj jam finis floradon sed ankoraŭ agrable odoris. En hela verdaĵo de herbo vidiĝis sunetoj de junaj leontodaj kaj lanugaj globetoj de pli aĝaj fratoj. Apud benko, en kiu sidis la artisto, kreskis nekonata fungo kun bruna ĉapeleto-ĉapeto sur kurba rozkolora piedeto. Rigardante fungon la vila homo eksentis, ke apud li iu aperis. Levinte kapon li kun ĝojo ekvidis sia konata katido. Pusjka staris kontraŭe kaj nemulte klininte kapon rigardis la artiston.

− Bonan matenon, Pusjka. Ĉu vi rekonas min? Mi kaj vi ambaŭ hodiaŭ prenis matenan duŝon.

La katido turnis al flanko sian kapon kaj per tuta sia aspekto montris, ke tiuj rememoroj ne ĝojigas ĝin.

− Vi estas tre bela katido. Vi havas glatan lanugan, kiel fumeton, hararon, blankan triangulon sur brusto kaj ankaŭ blankajn finaĵojn de piedoj. Okuloj, kiel pelteto, estas grizaj kaj tre saĝaj.

Tia interparolado plaĉas al Pusjka pli multe. Ĝi eksidis, turnis sian saĝan vizaĝeton al la artisto kaj preparis sin aŭskulti.

− Vi tre plaĉas al mi. Mi volas pentri vin sur bildo. Sed mi devas elpensi, kion vi faros en la bildo.

La homo nemulte pensis kaj moviĝis al rando de benko.

− Ne. Tuj mi ne povas elpensi. Vi estas tia neordinara katido, ke mi ne scias kian bildon elpensi por vi.

Li elmetis el poŝo kaj kreton kaj nigran krajonon. Li fermetis okulojn rigardante la katidon. En ili trembrilis oraj fajreroj kaj …

− Vi flugos per aera globo.

Kliniĝinte li desegnis per krajono apud piedoj rondon, dekoris ĝin ial per guŝoj de pizo kaj leontodoj. La rondo iĝis simili globon. La katido eĉ nemulte movis lipharojn, kvazaŭ flaris. La artisto aldesegnis al globeto aranean reteton kaj al ĝi pendigis kelkajn negrandajn gutojn kaj unu grandan guton.

− Suno ĉe mi estos bonkora kaj flava, ĝi similos grandan dalion. Ĝi estas tia bela floro, − li klarigis al sia amiko. Lia kreto rapide desegnis vilan, kiel kapon de la artisto, lanugajn kaj radian globeton. Li tuŝis per kreto desegnitan guton, kaj ĝi eĉ iĝis malseka kaj travidebla. En guto li desegnis katidon, sed ĝia vosto elstaris el la guto. Li desegnis nubeton kaj pluvon el ĝi.

− Nu jen, − la artisto diris, − kaj ankoraŭ…

En tiu momento li levis kapon kaj ekvidis, ke la

katido jam pasas de li inter stratoj. El post turno tramo elveturis, ekbruis per radoj kaj faris fajreron en dratoj. Katido fleksis dorson, eksaltis kaj rapide ekkuris, flanke rigardante, kiel brilis per fenestroj respegulante matenan sunon tramo kun ruĝaj flankoj. Apud angulo de domo kontraŭe la katido haltis kaj sidis tie rigardante straton. Jam aperis sur ĝi homoj. Iuj homoj staris apud ĉielblua dometo, kie kutime tramo haltas. Aliaj homoj rapidis al la dometo. La katidon ekrigardis altan dikan viron, vestiĝinte per bruna kostumo kaj nigraj brilaj ŝuoj. La viro neatendite larĝe oscedis ne sukcesinte fermi buŝon per manplato. Pusjka eĉ ekskuis kapon kaj foriris post angulon de domo.

La artisto sidis ankoraŭ dum kelkaj minutoj, kiam tramo alveturis al la vitra dometo kaj baris homojn, levis sian sakon kaj iris al hejmo. Malgranda aro de birdetoj preterflugis kaj laŭte ekpepis sidinte sur branĉojn de siringo. Suno jam varmigis straton, kaj asfalto komencis sekiĝi. Gaja flaketo misformis tegmenton kaj fenestrojn de granda domo. Aperis venteto kaj rulis laŭ stratoj blankajn lanugon de poploj kaj leontodoj. Iuj lanugeroj trafis en akvon kaj flosis kliniĝinte kiel velŝipoj, ĝis kiam ili albordiĝis. Stratoj iĝis brua pro homoj kaj aŭtoj. Apud domo de la artisto oni povis aŭdi, kiel radioparolisto laŭte kalkulis helpante fari matengimnastikon al maljunuleto en balkono. Du kolomboj komencis batalon, laŭte klakante per flugiloj kaj frapante per ungetoj al tableto kovrita per lado sub akacio. Ĉe la tablo nepre dimanĉe vespere viroj kolektiĝis por ke ludi domenon.

Veninte al hejmo la artisto lavis legomojn kaj pomojn, metis ilin sur kuirejan tablon, admiris ilin, metis tekruĉon da akvo sur fornon al foriris al sia granda ĉambro por ke labori. Li foliumis malnovajn artajn revuojn dismetante ilin je diversaj staketoj. Kaŭrante li desegnis tre malgrandajn bildojn sur folioj de papero, kiuj estis sur planko. Li aliris al tablo, sur kiu estis tubetoj kaj vazetoj da farbo, fingrumis ilin, atente rigardante kaj pri io pensante, ree metis ilin sur tablon. Li haltis apud libra breto, legis nomojn de libroj pri io pensante, senintence faltis frunton kaj fermetis okulojn. Tekruĉo memorigis pri si laŭte bruante kaj frapante per kovrilo sur forno. Li estis devigata demeti ĝin de sur forno. Sed infuzinte teon la artisto ree revenis al sia laboro kaj ne eliris el sia ĉambro ĝis vespero. Kiam li revenis al kuirejo, nur plej supran randon de kurteno lumis suno, kiu enkovriĝis per nuboj. Pomoj estis sur tablo en granda telero kaj ne brilis per flankoj tiel bone kiel matene. La homo karesis ilin per mano, ree metis al tablo, ankoraŭ rigardis ilin, turniĝis. En koridoro li piedvestis sin kaj eliris al strato. Li iris al centro de urbo, kie estis multe da vendejoj, kinejoj, multe da aŭtoj, busoj, tramoj, multe da homoj. Baldaŭ urbo dekoriĝis per lumoj de stratlampoj, vitrinoj. Kaj sub semaforoj siblante, frapante kaj knarante flosis blankaj kaj ruĝaj lumetoj. Malgranda vila figuro de la artisto solviĝis ĉi tie kiel guto en granda brua rivero.

Li revenis al hejmo tiam, kiam sur stratoj jam ne estis homoj. En hejmo estis tre mallaŭte. Ne ŝaltante lumon la artisto aliris al fenestro en kuirejo, metis manplatojn sur fenestran vitron kaj tiel longe staris.

− Pusjka. − subite li diris.

En sekva tago la artisto kelkfoje interrompis laboron kaj iris laŭ strato esperante ekvidi la katido. Kaj poste dum kelkaj tagoj pluvis, estis malvarme, li kun bedaŭro rigardis straton. Kaj li neniam vidis sin tian malgajan en spegulo, la malgajan kaj la maljunan. Foje en malserena mateno la artisto kolektis de sur tablo tute ĉiujn farbojn kaj krajonojn, metis ilin en skatoletojn, lavis penikojn kaj kaŝis ilin en ŝrankon. Ŝtofpecojn, per kiuj li purigis penikojn kaj manojn, kartonojn kaj subtasojn, sur kiuj li miksis farbojn elektante necesan koloron, li metis en skatolon. Poste li longe fingrumis siajn bildojn. Li estis tre serioza. Li konservis nur kelkajn foliojn, ĉion ceteran ankaŭ metis en skatolon. Skatolon li forportis en grandan feran balaaĵujon en korto. Tage li vidis tra fenestro, kiel aŭto alveturis kaj forveturigis balaaĵujon, metis anstataŭe la alian. Ĝis vespero la malgranda vila homo sortimentis revuojn, kiujn li uzis dum laboro, metis ilin po diversaj staketoj kaj poste metis ilin en ŝrankon, ordigis librajn bretojn. En centro de ordigita loĝejo li ĝis malfrua tempo sidis pensante pri io, trinkis teon. Kaj li kuŝiĝis dormi.

Nokte li vekiĝis. Estis varmege en ĉambro, kaj la artisto eliris en balkonon por ke spiri per malvarmeta

aero. Kaj tuj li kun miro ekvidis, ke lia balkono situas senpere sur tero, kaj tero iĝis tia malgranda, ke li ektimis, ke li povas degliti de sur ĝi. Ĉielo ĉirkaŭe estis malhela-malhela, malhele blua-blua, steloj brilis hele-hele kaj palpebrumis per siaj ruzaj okuloj. Iuj steloj, kiuj estis pli malproksima, subite rapide malleviĝis al la artisto, rigardis lin, larĝe malfermante siajn okulojn kaj deglitis plu. Sed unu steleto proksimiĝis tre malrapide. Ĝi komence transformiĝis kiel ĉielblua globo, poste transformiĝis kiel ĉielblua kaj verda stria pilko, kaj poste oni povis vidi, ke ĝi estas malgranda planedo kiel planedo, en kiu estis la artisto. Li ekvidis sur ĝi malgrandajn ĉielbluajn riverojn, verdajn arbarojn, brunajn montojn kun blanka brila neĝo sur pintoj. La planedo malrapide rotaciis, turniĝis al li per flanko kun arĝentkolora, kiel spegulo, maro, kiu respegulis per sia surfaco malhele grizajn rokplenajn bordojn. Poste la planedo turniĝis per flanko kun verdaj marĉoj kun miloj da fenestroj de lagoj… Vidiĝis blanka, kiel lakto, bovino kun oranĝaj makuloj sur flankoj kaj rozkolora nazo, kiu prominis sur flora herbejeto. La herbejeto estis kun ĉielbluaj cejanoj, kun kamomiloj en blankaj puntoj kaj kun ovoflavo en mezo, kun penseoj kun petaloj kolorigitaj per violkoloraj, bluaj, flavaj, oranĝaj kaj ruĝaj farboj. La bovino estis mirinda. Ŝi ne atentis florojn kaj blankajn papiliojn, kiuj flugis ĉirkaŭe, sed levinte supren kapon kaj ferminte okulojn maĉis, eble ion murmuris. Verŝajne ŝi mallaŭte kantis! Sed plu… Aperis ronda, smeralda lago kun larĝa strio de varma sabla plaĝo en blankaj, rozkoloraj kaj brunaj, kiel bakaĵo, strioj. Kaj sur la plaĝo kuŝis konata al la artisto katido. Ĝia kapo estis sur antaŭaj kruroj, kaj okuloj rigardis rekte al la homo. Ili estis nemulte verdaj, kaj en iliaj profundo brilis malgrandaj blankaj lumetoj. Tiaj lumetoj aperis en lago, rivero, inter arboj, en herbejeto inter floroj. Ili iĝis pli multe, kaj jam baldaŭ ĉio ĉirkaŭ katido lumis per multo da miraklaj lumetoj.

− Kial vi nomis min Pusjka? − la katido demandis.

− Kiam mi estis malgranda knabo, mi havis tre similan al vi katinon. Ŝia nomo estis Pusjka. Ni tre amis unu la alian. Mi por ĉiam konservis ŝin en memoro, en mia koro.

− Bonvolu rakonti al mi pri ŝi.

La katido sidis per tuta sia aspekto montrante, ke li estas preta por ke aŭskulti. Ĝia vizaĝeto iĝis serioza kaj nemulte kun ruzo.

− Nu bone, mi kun plezuro rakontos al vi. Tio estas tiel agrable rememori kaj rakonti al vi pri mia amiko, − la alta homo ridetis kaj eksimilis tiun bubeton, kiu amis sian Pusjka. − tiu historio komencis en suna aprila tago. Mi lernis tiam en dua klaso kaj en tiu tago revenis kun amiko el lernejo. Ni loĝis en nova distrikto de urbo, kie ankoraŭ estis multaj konstruataj domoj kaj kavaj valoj, kiuj donis al ni multajn plezurojn en diversaj ludoj. Jen irante preter unu tia kava volo, kiun oni fosis por estonta konstruaĵo, mi kaj amiko absorbiĝante pri ia ludo (nun mi ne povas rememori la kian) proksimiĝis al ĝia rando. Ĝi estas plena per degela printempa akvo kaj blindigis per rebriloj de suno, ankoraŭ pli hele lumante kaj sen tio blindigan, aparte en nunaj rememoroj, tagon. Ĉi tie ni ekaŭdis malfortan miaŭon kaj poste ekvidis du malsekajn buletojn, kiuj senhelpe moviĝis apud rando de akvo. Kiel malhelaj makuletoj apude vidiĝis sur fundo iliaj pereintaj gefratoj. Iu liberiĝis kontraŭ novnaskitaj katidoj ĵetinte pakon kun ili en kavan valon, sed du katido el ili, verŝajne elfalinte el pako, okazis sur malprofundaĵo kaj levante blindajn kapetojn nur vokis panjon. Impete ni malleviĝis al akvo kaj elkaptis ilin el malvarma banujo. Kaŝinte kompatate miaŭantajn katidojn en manplatoj ni kuris al hejmo. Ni loĝis en unu domo en diversaj etaĝoj. Kutime en sojlo de domo ni interkonsentis pri tio, kiam ni eliros promeni, kaj kion ni faros. En tiu fojo ni disiĝis eĉ ne rigardante unu la alian, haste malfermis per ŝlosiloj pordojn de loĝejoj kaj ĵetis sin internen.

Nun mi jam ne memoras, kion mi kaj pli malaĝa fratineto faris kun savita katido ĝis veno de gepatroj. Sed kiam post laboro panjo revenis, ŝi nur eksvingis manojn. La katideto estis ĵus naskita, ĵus estis en glacia akvo kaj manĝis nenion verŝajne de momento de naskiĝo. Ĝi jam ne pepis pro senforteco, sed nur nemulte moviĝis de tempo al tempo kaj senhelpe malfermis buŝeton. Liaj ŝancoj, por ke resti viva, estis tiom malmulte, ke pli malmulte ne estas. Panjo

konjektis nutri la katideton per lakto el pipeto. Mi tenis la katidon per manplatoj levante per fingro ĝian vizaĝeton, kaj panjo gutis el pipeto varman lakton al ĝia buŝo. Ni verŝis lakton sur ĝin pli multe, ol tiu lakto, kiu trafis en ĝian buŝon. Sed ni tamen nutris ĝin. Post horo ni ripetis tiun ridigan kaj ĉarman (en rememoroj) proceduron de nutro. Tiel ni nutris ĝin ĝis malfrua nokto, kaj en intertempoj mi sidante en apogseĝo tenis la katidon sur mia ventro, varmigis ĝin. Por nokto ni sternis per varma ĉifoneto kartonan skatolon, kiun laŭ tiu okazo faris paĉjo. La skatolon ni metis sur grandan kaserolon, sur fundon de kiu ni verŝis varmegan akvon. Iĝis tre varma dormoloko por la katido, en la dormolokon ni metis la katidon. Nokte panjo leviĝis kaj nutris la katidon per pipeto, ŝanĝis akvon en kaserolo verŝante tien la varmegan. Revenante post lernejo mi kuris pli rapide ol vento kaj estis nur hejme ne pensante pri amikoj. Nia katido vivis, ridige moviĝis kiam ne dormis kaj miaŭis, miaŭis! Tuta mondo forŝoviĝis ien. Nur tiu miaŭanta estaĵo estis mia mondo en tiuj tagoj. Post kelkaj tagoj, kiam oni povis rimarki, ke la katido jam fortiĝis kaj volis ŝarĝi al ni per zorgoj pri si kaj plu, panjo estis certa, ke timoj pri ĝia sano estas malantaŭe, diris:

− Jen kaj bone. Vivu ĝi.

Ĝojigitaj ekaŭdinte tion mi kaj fratino decidis nomi ĝin. Sed nia katido estis neordinara, ni volis doni nomon malsaman de aliaj katoj. Ni sortimentis kaj sortimentis diversajn nomojn, sed helpis al ni panjo. Li diris al ni, ke nia katido estas knabino, kaj oni povas nomi ĝin Pusjka.Vivu ĝi, se ĉio tiel bone okazis.[1]

Kaj Pusjka ĝojis nin, kreskis. Ŝia hararo iĝis lanuga, ventro iĝis ronda. Ŝi komencis provi iri. Tio estis tre ridige kaj ĝoje. Ŝi stariĝis per gamboj, faris paŝon kaj falis flanken. Ŝi ree stariĝis kaj post sekva paŝo estis jam en alia flanko. Ŝiaj okuloj ankoraŭ ne vidis. Mi kaj fratino partoprenis en ŝiaj lecionoj rampante apud ŝi, subtenis ŝin, helpis stariĝi kaj fortiĝi sur gambetoj. Kaj ŝi aprobata per ni penis. Post ĉiu tago ŝiaj movoj iĝis pli certaj, kaj kiam malfermiĝis okuloj, Pusjka tute ĉesis rampi. Kiam mi revenis post lernejo, ŝi laŭlitere kuris al mi kaj falis ĉar rapidis.

Kiaj estis ŝiaj okuloj, kiam membranoj sur ŝiaj okuloj malfermiĝis! Ili estis ĉielbluaj! Ili rigardis mondon tiel konfideme kun tia scivolemo! Kiam Pusjka ne dormis, ŝi penis esti apud mi dum tuta tempo. Se panjo aŭ fratino tenis ŝin sur manoj, sed mi aperis apude, ŝi tuj provis translokiĝi al mi. Tio ekscitis envion de mia fratineto. Plej ŝatata okupo de la katino estis sidi sur miaj manoj aŭ genuoj kaj rigardi, kion okazis en hejmo. Ŝian rigardon allogis ĉiu movo de loĝantoj de hejmo. Mi memoras, panjo konstante miris, ke ĵus ŝiaj okuloj malfermiĝis, sed ili jam estis tiaj akrevidaj kaj saĝaj. Se mi okupis sin pri io, ekzemple mi devis sidi ĉe tablo kaj fari taskojn, do Pusjka kuŝiĝis sur miajn fingrojn de piedoj kaj oportune instalinte sin ekdormis. Baldaŭ ni evidentigis, ke nia katido ĉesis miaŭi. Ŝi plene ĉesis miaŭi. Kiam Pusjka estis en miaj manoj, en manoj de panjo aŭ fratino, kaj ĉe ŝi aperis apetito, ŝi puŝis per vizaĝeto manojn aŭ ventron kaj komencis suĉi ĉemizon aŭ robon. Ni tuj iris varmigi jam antaŭe preparitan por ŝi lakton kaj nutris ŝin. Tial kaŭzon por plendo ŝi ne havis, kaj ĉiujn ludojn kun ŝi ŝi eltenis senproteste, verŝajne pro tio, ke la ludojn ŝi mem ŝatis, kaj ŝia karaktero estis ne kaprica. Pusjka kreskis, pli multe da tempon ŝi pasigis ne dorminte, kaj ne deiris de mi eĉ je unu paŝo. Foje matene mi ekvidis, ke ŝi dormis sur mia litkovrilo oportune instalinte sin sur genuoj, kien ŝi surrampis per malsuprenrampinta rando de litkovrilo. Mi senbrue leviĝis el lito, montris al panjo novan noktolokon de Pusjka. Panjo diris al mi, ke mi tiel fari ne devas, ĉar mi turniĝante dum dormo povas hazarde premi ankoraŭ malgrandan katidon. Sed Pusjka trovinte vojon al mia lito obstine rifuzis pasigi nokton en sia skatolo, kiu estis inter mia lito kaj ŝranko. Ŝi per ĉiuj fortoj impetis al mi, kaj tuj surrampinte trankviliĝis kaj ekdormis. Kaj kiel dolĉe ekdormis mi sentante kvietan dormon de la amata katino en miaj piedoj! Panjo devis cedi, kaj timoj baldaŭ estis forgesitaj.

Tagoj iĝis jam tre varmaj. Foje mi elportis Pusjka al korto. Mi mallevis ŝin sur varman asfalton apud miaj piedoj, kaj ŝi ne timis, sed tuj okupante sian

[1] *Vivu ĝi, se ĉio tiel bone okazis.* En rusa lingvo la frazo estas akorda kun nomo Pusjka [Пуська] (Мол пусть живёт, если всё так хорошо сложилось)

kutiman lokon apud mia piedo komencis kun scivolemo ĉirkaŭrigardi kaj flari al novaj por ŝi odoroj. Pusjka ĝenerale estis kuraĝa estaĵo, kaj plua vivo konfirmis tion. Do, konvinkiĝinte, ke mia amatino ne timas, mi faris paŝon per tiu piedo, apud kiu ŝi estis. Dum momento perdinte min el vido Pusjka ekorientinte sin tuj translokiĝis al alia piedo. Mi faris sekvan paŝon, kaj ŝi kure translokiĝis al kalkano de proksima piedo. Tiel ni promenis. Mi grave malrapide paŝis, kaj mia katido kuris de kalkano al kalkano amuzante kolektiĝintajn ĉirkaŭe infanojn kaj sidantajn sur benko najbarojn. Ĉiuj sciis historion de Pusjka kaj kortuŝiĝis pro ŝi, pro ŝia belo kaj pro nia amikeco. Pusjka estis bela neordinare! Tion rimarkis ĉiuj. Ĉiuj katidoj estas ĉarmaj, sed la katido ekscitis admiron per ŝia aspekto ĉe ĉiuj homoj. Tre hela griza hararo, blanka brustumo sur brusto, blankaj finaĵoj de piedoj kaj grandaj ĉielbluaj okuloj! En blanka enkadrigo la griza hararo estis kvazaŭ aera, kiel nubeto, kiel leontodo! Kiel mi fieris pro mia Pusjka! Kiel ŝi estis fidela! Ankoraŭ longe, ĝis kiam li plene iĝis matura katino, ŝi sekvis min ĉie laŭlitere laŭ kalkanoj, de kalkano al kalkano. Kiam forpasis somero, mi ree komencis iri al lernejo, Pusjka komencis akompani min ĝis ĝia sojlo. Tiel iufoje agas fidelaj al mastroj hundoj, sed mia katino kaj ĉi tie ilin superis. En ĉiu mateno aŭtune, vintre en ajna vetero ŝi akompanis min ĝis perono de lernejo. Ŝi eble komprenis, ke tio estas necesa, ke mi devas esti tie sen ŝi. Pusjka neniam penis penetri en lernejon, kaj kiam mi kun aliaj lernantoj malaperis post ĝian pordon, ŝi sidinte dum kelkaj minutoj kaj atendinte, kiam fermiĝos pordoj eĉ post malfruantaj lernantoj, foriris promeni aŭ al hejmo. Sed al mia reveno ŝi nepre renkontis min tie, kie mi kaj ŝi disiĝis. Tio estas tre interese, ke ŝi senerare eksciis tempon de mia reveno. Tiel tio estis mirinde, ke tion observis tuta klaso, en kiu mi lernis. En klaso mi sidis ĉe pupitro en vico apud fenestro, sed ne ĝuste apud fenestro estis mia loko. Apud fenestro sidis mia kamarado, lia nomo estis Eŭgeno. Do, se en mezo de lecionoj subite apud perono aperis Pusjka, tio signifis, ke sekva leciono ne estos. Aŭ instruisto malsaniĝis, aŭ pro ia alia kaŭzo, sed sekvan lecionon oni nuligis. Kaj Pusjka sciante, ke mi aperos en korto, aliris renkonti min. Aparte oni atendis ŝia apero antaŭ lecionoj, kiujn oni ne ŝatis, ekzemple antaŭ malfacila kontrola laboro. Eŭgeno estis plej interesanta observanto. Kaj kiam li en mezo de leciono per flustro kaj per signoj komunikis pri apero de Pusjka, inter lernantoj aperis ondo de admiro miriganta instruistojn. Poste kaj instruistoj eksciis pri tio kaj iufoje, plifruante Eŭgenon, komunikis al ni pri apero de la belulino.

Kun apero de Pusjka en mia vivo mi jam ne povis malfrui al lernejo. En ĉiu mateno ŝi vekiĝis antaŭ duonhoro ĝis tiu tempo, kiam mi devis vekiĝi por ke matenmanĝi kaj iri al lernejo. Ŝi komencis leki min, kvazaŭ mi estas ŝia katido, sed ne male. Komence Pusjka malrapide lekis mian kapon, sed laŭ proksimigo de tempo de vekiĝo ŝi faris tion pli insiste kaj komencis purigon de miaj oreloj, lekadon de kolo, vangoj, okuloj. Provo kaŝi sin sub litkovrilo ne helpis. Mia matena vartistino penetris sub ĝin, kvankam mi defendis ĝiajn randojn, kaj iufoje penis elmeti min per ungeto. Dormo malaperis, kaj mi kun brila kapo pro puro leviĝis. Kiam mi finis matenmanĝi, Pusjka okupis lokon apud pordo. Ŝia tuta atento kaj fortoj estis direktitaj por tio, ke mi ne lasu ŝin en hejmo. Estis kelkaj okazoj, kiam mi vidante, ke en strato estas malbona vetero, kompatinte ŝin elglitis post pordon lasante ŝin en loĝejo. Sed de tiuj okazoj ŝi, kiam mi nur nemulte malfermetis pordon, tiel furioze impetis post sojlon, ke deteni ŝin oni neniel povis. Deziro de Pusjka esti en tuta tempo apud mi iufoje faris problemon. Kiam mi ludis kun samaĝuloj futbalon, hokeon aŭ alian ludon, ŝi impetis en centron de ludo por ke esti apude. Mi tre penis instrui al ŝi esti dum matĉo post limo de luda placeto. Sed post limo de ĝi ŝi daŭrigis sangi pro ĉiuj epizodoj de ludo kun mia partopreno kaj kuris ĉirkaŭ placeto sekvante mian movon. Kiam mi falis, Pusjka kiel fulmo proksimiĝis al mi kaj konvinkiĝinte, ke mi estas en ordo, same rapide revenis en vicon de rigardantoj. Pusjka estis vera zeloto, la aktiva, la emocia, nur ne kriis kaj ne fajfis. Ofte preterirantoj haltis apud nia ludo por ke observi ludon kaj zelotinon Pusjka. Ili plezuris pro ŝiaj movoj ĉirkaŭ placeto verŝajne pli, ol pro baraktado de knaboj kun pilko aŭ kun disko. Iufoje ni permesis al ŝi ludi kun ni, kaj Pusjka kun entuziasmo sekvis pilkon,

atakis ĝin kiel bonega futbalisto.

Ĝenerale Pusjka ŝatis ludi, eĉ kiam ŝi estis jam matura. Unu ludo, la plej konstanta, kondiĉe nomiĝis "ĉasado". Lia senco estis en tio, ke kiam mi iris laŭ urbo, Pusjka sekvante min dum iu tempo nerimarkeble malaperis. Post sufiĉe longdaŭra tempo de mia promeno ŝi "el embuskejo apud mia vojeto atakis" min. Kia plezuro estis en ŝia vizaĝeto pro tio, ke ŝi precize kalkulis mian vojon!

Pusjka ŝatis naĝi! Verŝajne tia frua konigo kun banujo influis, sed akvo estis por ŝi naskomedio. Ankoraŭ ŝi estis katido, en unua ŝia somero ŝi eniris post min en riveron kaj eknaĝis. Tio estis tuta prezento por homoj sur plaĝo. Post monato de trejnadoj mi kaj ŝi transnaĝis riveron Ŝeksna kun larĝo je unu kilometro. Pli malofte kaj pli malofte ŝi bezonis mian ŝultron por ripozo. Kaj poste majstreco de ŝia naĝo progresis ĝis tio, ke mi preskaŭ ne devis deteni mian rapidecon transnaĝante riveron. Ankoraŭ Pusjka ŝatis naĝi kun mi al alia bordo tial, ke tie estis herbejo kaj lina kampo. Tie estis alia mondo, aliaj odoroj. Ripozinte dum nur unu minuto post naĝo, ŝi solviĝis inter herboj kaj floroj. Post mi longe vokis ŝin, ĝis kiam ŝi revenis. Kaj kiaj feliĉaj okuloj estis ĉe ŝi post reveno en bordo el densejo!

Preskaŭ ĉiun komencitan per panjo tolaĵlavadon Pusjka ne forlasis. Ŝi saltis en kuvo, kie panjo gargaris tolaĵon, kaj post bano nemulte insultita kaj kontenta pro si iris daŭrigi leki sin en sian "angulon" sur mia lito. Lekinte ĝis brilo sian belegan hararon ŝi kun videbla plezuro ripozis.

Pusjka ne timis urban transporton. Kaj estis plej mirinda, ke ŝi ekposedis ĝin por memstara movado laŭ urbo. Komence ŝi kun mi sen hezitoj eniris en buson aŭ tramon, kiel ĉiam ŝi estis apud miaj piedoj kaj nur tiam, kiam estis tre malvaste pro abundo da homoj, ŝi surrampis sur mia ŝultro. Kaj poste foje panjo rakontis al ni tian historion: ŝi alveturis post laboro kaj tuj de busa haltejo eniris en vendejon, kiu estis kontraŭe, por manĝaĵoj. Elirinte kun aĉetaĵoj ŝi ekvidis, ke apud la haltejo haltis vica buso, kaj el ĝi eliras Pusjka kaj trankvile iras al hejmo. Poste jam aliaj homoj rakontis al ni pri vojaĝoj de nia katino en busoj kaj en tramoj. Kien ŝi mem vojaĝis, kiel orientis sin? Sed ĉiuj promenoj laŭ urbo ŝi efektivigis tiam, kiam mi lernis en lernejo, en arta lernejo aŭ trejnis sin en palaco de sporto. En tiujn konstruaĵojn oni ne enlasis ŝin, kaj ŝi, kiel saĝa estaĵo, tien post min ne impetis.

Kaj post du jaroj okazis ĉefaj eventoj. Ĉe Pusjka naskiĝis du ĉarmaj katidoj! Jes, ĝuste post du jaroj post apero de Pusjka en nia hejmo panjo helpis al ŝi naski du katidojn. Ĉio okazis en tiu tempo, kiam mi estis en lernejo. Al mia reveno al hejmo en skatoleto ree inter lito kaj ŝranko kuŝis laca kaj fiera mia amatino, kaj du malgrandaj buletoj alpremiĝinte al ŝia ventro trankvile dormis. Unu katido estis precize kiel panjo antaŭ du jaroj, sed alia katido estis nigra kun blankaj piedoj kaj brustumo.

*Ilustraĵo de Tatjana Ĥomjakova*

…

Mi nepre daŭrigos la rakonton. Sed por tio mi devas iĝi pli bonkora.

*Esperantigis*

**Igorj Ĥomjakov**

**(Rusio)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, St. Wujiang, Jiangbei-Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_